# Zamenhofa Tago

*16 decembro 2017*

*ekde la 15h*
*en la sidejo de EASP*





Retrorigardo de plej gravaj okazintaĵoj

Festparolo fare de la gasto Mauro Progiante

Lanĉo de infanlibro




LA MALBENO DE TARUMO KAJ NURANA

de aŭtoreco de J. M. Progiante

KOVRILO

*Universitata klaso dum la mezepoko, Bolonjo - Laurentius de Voltolina (dua duono de la 14-a jarcento).*
commons.wikimedia.org

**LA LAMPIRO** *58-a jaro n-ro 148 2017:6*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikaranĝo**: José Roberto Tenorio
**Reviziianto**: José Dias Pinto

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

**easp**

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
lunde kaj merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.



## ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

Alvenis decembro kaj ni fiere prezentas nian sesan numeron de La Lampiro, en 2017. Kiel promesite. Ni fieras precipe pri la preteco de niaj verkemuloj, kiuj konstante proponis siajn tekstojn kaj efektive konstruas nian revuon. Koran dankon al ĉiuj, kiuj verkis por ni dum la jaro. Ili daŭrigis la tradicion, ke nia revuo esprimas nian kulturon, niajn ideojn, niajn komprenojn pri la mondo. Ni esperu, ke tia verkemo plu daŭros dum la proksima jaro.

Rilate nian publikon, mankas ankoraŭ reagoj: pro tia silento, ni ne scias la sentojn kaj opiniojn de niaj legantoj pri nia laboro.

Kurioze, ke antaŭ kelkaj semajnoj ni ricevis informon, ke grava eŭropa Esperantisto favore menciis nian revuon. Espereble, por la estontaj numeroj, niaj enlandaj legantoj agos simile, ĉar tiuj reagoj estas gravaj por konscienca redaktora sinteno.

Feliĉan Novan Jaron!!



# Vortoj de la Prezidanto

## Prof. Genildo Martins Coelho



... kaj jen ni alvenas al unu plia jarfino. Tempo por meditado kaj taksado. Ni laboris laŭ nia povo. Multo restas nefarita, sed ni estas certaj, ke ni paŝis antaŭen. Ni instruis, ni kunsidis por la administrado, ni kunsidis por praktikado de nia lingvo kaj kleriĝado. Nia sidejo plu restis malfermita kaj prizorgata de deĵorantoj. Nia butiko bone funkciis dum la tuta jaro, nia jubilea kongreso estis kontentiga kaj festa. Nia interreta Kuriero kaj nia tradicia Lampiro regule aperis. Precipe regis fido kaj harmonio inter niaj pacaj batalantoj. Se fari memkritikon, ni povus iom pli ofte aperi antaŭ la ekstera publiko por prezenti niajn ideojn, idealojn, kulturon. Espereble tion sukcesos fari la proksima estraro: alvenis la grava momento renovigi la asocion per elekto de novaj gvidantoj. Ni kore vokas vin al la laboro. Ni bezonas novajn membrojn, novan sangon, novajn iniciatojn. Persone, mi fervore dankas por la tuta ricevita apogo dum la lastaj jaroj. Kaj al ĉiuj samideanoj, prosperan Novjaron!

# Omaĝo al Paŭlo Silas




Vivo estas stranga afero. Ĝi povas esti tiom forta kaj pova, kiom delikata kaj fragila. En vivo, neniam estas iu rekta linio, sed povas ĉiam montriĝi diversvoja kaj komplika.

Kaj la vojoj, kiuj kondukis Paulo Silas al la transiro, estas ne klaraj por multaj. La informo disvastiĝis tre rapide tra la mondo, kaj certe ŝokis plurajn. Multaj amindaj omaĝoj al li aperis ĉie, kaj nun EASP faras sian omaĝon.

Paulo Silas Rodrigues Sena, nordorientano, naskiĝis en 1990. Tre juna esperantisto kaj tre klera. Sed li ne estis nur tio. Iu ajn kiu restis, eĉ se minutoj apud li, aŭ havis eblecon paroli kun li, povis rimarki lian sentemon, revemon, bonkorecon kaj ĉefe volon pri pli komprenemaj kaj sanaj interrilatoj inter la homoj.

Ni lasu nian kondolecon al la familio kaj al lia amikaro tra la mondo. En espero, ke niaj pensoj donu fortojn al lia animo kaj komforto estu en koro de tiuj, kiuj restis. Sciante, ke neniu vorto sufiĉus por omaĝi lian vivon, ni finu ĝin per liaj propraj vortoj:

*Vi kiu travivis vian vivon*
*Ne forgesu la motivon*
*De la komenco de ĉio*
*Kaj de la forta energio*
*Kiu enkore kaŭzis krion*
*Sed sendis harmonion*
*Al la posta momento*
*Kaj al tre frosta vento*
*Kiu al vi molestus ĉiam*
*Se ne kri' ekestus tiam*

# Lingvaj Respondoj

## de Francisco Wechsler



***Demando:***

Ĉu uzi *alveni* kun direkto-montra esprimo estas erare?

**Respondo:**

Ne, ne temas pri eraro, tamen indas pridiskuti la aferon. La unua paŝo estas klarigi, kion efektive signifas la verbo *alveni*. Laŭ NPIV (2005) kaj la reta PIV: *post moviĝo, stari ĉe la celita punkto*. Sed antaŭe *alveni* ne estis difinita ĉi-maniere! Ekzemple, laŭ PV (1934), *alveni* signifas: *atingi difinitan lokon, kien oni intencis iri*. La ĉi-saman difinon donas ReVo. PIV (1970) donis esence la saman difinon de PV, kun la rimarkigo, ke temas pri pli akcenta formo. Krome, la vortaro de Kabe (1910) simple ne registris la formon *alveni*.

Do la difino ŝanĝiĝis de PIV al NPIV. La PV-a difino pli emfazas moviĝon kaj atingon, dum la NPIV-a pli emfazas staron rezultantan el moviĝo. Laŭ la unua difino, pli konsekvencas uzi N-finaĵon por direkto aŭ la prepozicion *al*; laŭ la dua, ĝuste male!

Priserĉado de la tekstoj Zamenhofaj montras, miaopinie, ke li rezonis jen laŭ la unua difino, jen laŭ la dua. Jen ĉi-sube ĉiuj ekzemploj Zamenhofaj de mi trovitaj, en kiuj li uzis *alveni* jen sen N-finaĵo de direkto, jen kun ĝi, jen kun la prepozicio *al*:

1. *Al la konato de sinjoro R. la vorto "proksima" en la unua momento malplaĉis, ĉar li* ***alvenis al*** *tiu ĉi sama vorto de nia lingvo kun kutimoj latinaj; […] (La Esperantisto.)*
2. *Tiel ekzemple en la versaĵo "Al la 'Esperantisto'" estas ne malregule uzita la esprimo "la celo estos* alvenita" (= *oni* ***alvenos al*** *la celo*). (*La Esperantisto.*)
3. *Antaŭ mallonga tempo* ***en la kortegon alvenis*** *Laerto: […]* (*Hamleto.*)
4. *Kvankam mi tre juna /* ***Alvenis sur ĉi tiun fremdan bordon****, […]* (*Ifigenio en Taŭrido.*)
5. *"Nu, pro la ĉevalo oni bone pagis al mi!", li diris al si mem, kiam li* ***alvenis hejmen*** *[…]* (*Fabeloj de Andersen 1.*)
6. *Vagante, ŝi* ***alvenis al*** *la loĝejo de kampa muso.* (Same.)
7. *Kiam ili* ***alvenis al*** *la loko, kie kuŝis la mortinta birdo, la talpo ekpremis per sia larĝa nazo la arkaĵan plafonon […]* (Same.)
8. *Fine ili* ***alvenis en la varmajn landojn****.* (Same.)

9. *La ambaŭ trompantoj petis lin* ***alveni pli proksime*** *[…]* (Same.)

10. *En malfortaj konturoj nur montriĝis al li plata bordo, kaj fine li* ***alvenis al*** *du homoj, kiuj sidis en boato. […]* (Same.)

11. *Kaj dum mi tiamaniere meditas,* ***alvenas al*** *ni iu kun orkoloraj butonoj, […]* (**La Gimnazio**.)

12. *Kiam la rabeno kun sia edzino* ***alvenis al*** *la pordego de la hebrea kvartalo, […]* (*La Rabeno de Baĥaraĥ*.)

13. *[…] unu el ili portis en la mano sunsimile oran vazon, kiun li,* ***alveninte al*** *sanktula niĉo ĉe angulo de la foirejo, alte levis, […]* (Same.)

14. *Dume oni* ***alvenis al*** *ĉi tiu manĝejo; […]* (Same.)

15. *Venis la tempo, kiam la infano de la kampara domo eliris sur tiun vojon, […] kaj fine* ***alvenis ĉi tien****, […]* (*Marta*.)

16. *En la sama momento ili* ***alvenis en la ĉielon*** *de Dio, kie regis ĝojo kaj feliĉo.* (*Fabeloj de Andersen 2*)

17. *Ne rapidu! Nun ni* ***alvenas ĝuste al li!*** (Same.)

18. *Ili* ***alvenis en Finnmarko*** *kaj frapis je la kamentubo de la Finnino, ĉar ĉi tiu ne havis eĉ pordon.* (Same.)

19. *Ili* ***alvenis al*** *domo, aranĝita el arboŝelo kaj branĉoj; […]* (Same.)

20. *"****Ĉi tien*** *li ankoraŭ ne* ***alvenis****," diris la maljuna tombistino, […]* (*Fabeloj de Andersen 3*.)

21. *Ili* ***alvenis al*** *la pordo de la ĉielo, kaj la anĝelo, la gardisto de la enirejo, demandis: […]* (Same.)

22. *[…] kiam ili* ***alvenis al*** *sia celo kaj devis disiĝi, Ib tute ne povis ellasi ŝian manon.* (Same.)

23. *Kaj Ib* ***alvenis en Kopenhago****.* (Same.)

24. *[…] oni forgesis, ke la vojo ĝis Slyborg estos longa kaj laciga. Ĉirkaŭ la vespero ni* ***tie alvenis****; […]* (*Fabeloj de Andersen 4*.)

25. *[…] kaj tamen ni tre volis* ***alveni en la Kankrejo*** *sufiĉe frue, […]* (Same.)

26. *Post tagmezo ni* ***alvenis en la Kankrejo****; […]* (Same.)

27. *[…] ni forveturis tre frue, ĉar ni havis ĝis Roskilde longan vojon kaj devis* ***alveni tie*** *sufiĉe frue, […]* (Same.)

28. *[…] en la sekvanta tago […], ni* ***alvenis en Kopenhago****.* (Same.)

29. *Ili ne* ***alvenis en sia loko*** *de destino; […]* (Same.)

30. *La boato feliĉe transiris la rifojn kaj* ***alvenis al*** *la tero, […]* (Same.)

31. *Unu matenon komercisto Bronne iris al la lumturo […]. Kiam li* ***alvenis sur la turo****, […]* (Same.)

32. *Veninte el Mezopotamio, Jakob* ***alvenis*** *bonstate* ***en la urbo*** *de Ŝeĥem, […]* (*Malnova Testamento*.)

33. *Kaj Josuo leviĝis frue matene, kaj ili elmoviĝis de Ŝitim kaj* ***alvenis al*** *Jordan, […]* (Same.)

34. *Kaj ili ambaŭ iradis, ĝis ili* ***alvenis en Bet-Leĥemon****.* (Same.)

35. *Kiam ŝi* ***alvenis al*** *sia bopatrino, ĉi tiu demandis: […]* (Same.)

36. *[…] kaj kiam li* ***alvenis al*** *David, li ĵetis sin sur la teron kaj adorkliniĝis.* (Same.)

*(Daŭrigota sekvapaĝe)*

37. *Kiam ili* ***alvenis al*** *la draŝejo de Kidon, Uza etendis sian manon, […]* (Same.)

38. *Kaj* ***al*** *mi kaŝe* ***alvenis*** *vorto, […]* (Same.)

39. *Kiel paŝtisto esploras sian ŝafaron, kiam li* ***alvenas al*** *siaj diskurintaj ŝafoj, […]* (Same.)

40. *Matene la reĝo […] iris rapide al la kavo de la leonoj. Kaj kiam li* ***alvenis al*** *la kavo, […]* (Same.)

41. *Kaj mia preĝo* ***alvenis al*** *Vi* ***en Vian sanktan templon****.* (Same.)

42. *Kaj nun viaj du filoj, kiuj naskiĝis al vi en la lando Egipta antaŭ mia* ***alveno al*** *vi* ***en Egiptujon****, estas miaj; […]* (Same.)

Aparte notindaj estas la du lastaj ekzemploj, en kiuj Zamenhof indikis direkton post alveni dufoje en la sama frazo: per la prepozicio al kaj per N-finaĵo!

Por fini, mi citas PMEG-on (2017): "Ĉe la verbo *alveni* oni povas uzi *en* kun aŭ sen direkta N-finaĵo: *Fine ili alvenis* ***en la varmajn landojn****.* La celo de la vojaĝo estis la varmaj landoj." [Ekzemplo 8 supre.] *"En la sekvanta tago [...] ni alvenis* ***en Kopenhago****. La alvenado al la preciza celloko okazis en Kopenhago."* [Ekzemplo 23 supre]

Konklude: uzado aŭ neuzado de direkto-montra esprimo post *alveni* dependas de tio, kion oni intencas emfazi: ĉu la moviĝon, ĉu ĝian rezulton. Jen diferenco subtila, tamen grava.



# DINĈJO KAJ LA SORĈISTINO



# Plugado en la infana kultivejo

Ideoj por diskonigi Esperanton multas. Malmultas homoj por plenumi ilin. Kelkaj ideoj estas ambiciaj kaj postulas aron da entuziasmuloj. Aliaj estas simplaj kaj bezonas la menso-sparkon kaj volforton de unu sola homo.

Jen kurioza kaj interesa iniciato por diskonigi Esperanton en nova plantejo: La esperantisto el Bauru, José Mauro Progiante, havis la ideon direkti sian strebon ne al la plenaĝa publiko, sed al tiu plej forgesita — la infanoj.

Komence de la kuranta jaro li lanĉis la libron *"A maldição de Taruma e Nurana"* pri la historio de kvin infanoj el malsamaj kontinentoj, kiuj renkontiĝas en Brazilo dum kongreso de la internacia lingvo. La infanoj pretervole implikiĝas en aventuron kiu komenciĝis antaŭ jarcentoj, kiam du totemoj estis ŝtelitaj el iu indiĝena tribo kaj tiam naskiĝis terura malbeno.

La aŭtoro jam ĉeestis du aŭtografajn vesperojn, unu en sia urbo kaj alian en la najbara urbo São José do Rio Preto; partoprenis en la 17-a Infanlibra Foiro de Bauru, kiu okazis en marto, kaj oktobre vizitis lernejon en la urbo Catanduva por paroli kun lernejanoj pri sia libro, kiu tiam fariĝis lego-projekto por la infanoj de la 2-a ĝis la 5-a lernojaroj de tiu edukejo.

Mauro Progiante estas la gasto de la Zamenhofa Tago, kiu okazos la 16-an de decembro en la sidejo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo ekde la 15h.

La bona novaĵo estas ke la libro jam estas tradukita al Esperanto, fare de la aŭtoro mem, kaj Esperanto-Asocio de San-Paŭlo nun prizorgas la esperantan eldonon por lanĉi ĝin okaze de lia baldaŭa vizito.









# Miksrasula pafkliko*

Anna Lobo (São Paulo-SP)

**Nomo**: Faroeste Caboclo (2013)
**Reĝisoro**: René Sampaio
**Roluloj**: Fabricio Boliveira, Isis Valverde kaj Felipe Abib.
**Nacio**: Brazilo




Eble tiu ĉi filmo ne plaĉos al ĉiuj. Tamen, mi pensas ke kelkaj ŝatos scii pri ĝi. Ĉi foje temas pri interesa brazila filmo farita ne surbaze de iu libro, sed de samnoma kanzono de fama brazila grupo "Legião Urbana"! Plurfoje mi aŭdis tiun kanton kaj mi ofte pensis ke estus interese se oni kreus iun filmon pri ĝi. Kaj, jen ĝi estis farita! Mi fakte konis pri la filmo de kiam ĝi estis lanĉita, sed nur nun mi malkovras ke temas pri la drama historio de la teksto de la kanto.

*"Li ne havis timon, tiu João de Sankta kristo/ Estis tio kion ĉiuj diris kiam li perdiĝis/ Li lasis malantaŭe ĉiun marasmon de la bieno/ Nur por senti en sia sango la malamon kiun Jesuo donis al li"*. Tiuj estas la unuaj paroloj de la kanto, kaj oni povas rimarki ke ĝi montras je niaj vizaĝoj la malfacilaĵojn, kiujn trapasas la homoj, kiuj venas el malriĉaj regionoj de Brazilo, kaj ĉefe kiam oni havas pli malhelan haŭton.

Por tiuj la defioj estas multaj kaj oni devas kunigi forton kaj alfronti la okazaĵojn, alie oni estas manĝita. Malfacilas agi ĝuste, kiam mankas la bazaj aferoj por vivi, ĉu ne? Do, ni akompanas la ĉefan rolulon João kaj lianj misaventurojn ekde lia naskiĝurbo ĝis Braziljo.

La maniero per kiu ĝi estas filmita estas tipe de brazila okulo. Belaj kaj fortaj scenoj, brila fotografiumado. Aldone, ĝi pensigas nin pri la realeco de la povruloj, ne nur en Brazilo sed en la tuta mondo – Ĉu certa destino? Ĉu kulpo de la povrulo aŭ de la socio? Ĉu eblas ŝanĝi la destinon? Ĉu vere eblus ke la ĉefa rolulo agus alimaniere?

Ĉiukaze, mi trovas ke ĝi estas ege kortuŝa omaĝo al la grupo, kaj bela kreema reago al la muziko. Mi rekomendas al vi ĝin spekti, dum ĝi troveblas en Netflix. Bonan spektadon, kaj ĝis la sekva filmo!

* Caboclo (Kaboklo: de la Tupia indiĝena formo, kiu signifas devenanton de blankulo). Kaj por Faroeste, tiu usona speco de filmo stilo "Faroeste/ Bang Bang", mi decidis uzi la vorton Pafkliko.!

# ILEI-Sekcio en Brazilo

## Planoj kaj perspektivoj

**Aristófio Alves Filho (Maceió-AL)**

Ĉiuj brazilaj E-instruistoj/antoj konscias pri la neceso havi ligon porinstruistan cele al la plifortigo de la E-instruado en nia lando. Unu el la agadoj por kreskigi la esperantistaron en la mondo estas ĝuste la instruado/Edukado, flanke de diskonigado kaj utiligado de nia kara lingvo, kiel UEA dum dekoj da jaroj uzis la devizon: DUE (Disvastigado/Utiligado/Edukado). Por havi pli da E-parolantoj, kompreneble oni devas instrui al la homoj la lingvon internacian kaj sekve ni devas prepari multajn E-instruistojn, malgraŭ ke en la hodiaŭa mondo teknologia pluraj junuloj memlernas la lingvon per la reto. Fakto, kiu neniam preterlasos la rolon de la fizikaj instruistoj, kiuj gvidos la lernantaron, montrante al ili la plej bonajn lernigilojn.



**Aristóphio Alves**
*Nova brazila sekciestro*

ILEI havas sekcion en Brazilo ekde la jaro 1975, kies unua sekciestro estis nia karmemora Elvira Fontes. Post ŝi estris la sekcion Marcos Zlotovich, Antônio Felix, José Roberto Tenório kaj Miró Leysester. Nia ILEI-sekcio zorgis pri ekzamenoj dumkongresaj, seminarioj kaj diversaj aliaj aranĝoj por kunigi la brazilan E-instruistaron kaj plibonigi la E-instruadon en nia lando. Mi memoras ke kadre de la 24-a Brazila kongreso de Esperanto (24-a BKE) en 1988 mi diplomiĝis E-instruisto danke al la agadoj de la brazila ILEI-sekcio. Mi havis ankaŭ la feliĉon ricevi premion (ekzempleron de PIV) pro la konkurso, kiu donis la nomon "BrazILEI" al la gazeto de la brazilaj geinstruistoj (numero 01 – julio/septembro 2006).



***Elvira Fontes***
*(1916-2007)*









Estante ILEI-membro jam de 28 jaroj, mi neniam pensis, ke iam mi estos sekciestro en Brazilo. Dum iu renkontiĝo nordorienta, babilante kun amiko pri nia regiona instruistaro, ni kanstatis, ke multaj el ili bezonas ian helpon rilate al la didaktiko de la E-instruado pro tio ke ili estas neprofesiaj geinstuistoj. Post tiu konstato venis la ideo okazigi por ili seminarion dum semajnfino.

Kontaktante la brazilan sekcion de ILEI por demandi kion fari kaj ĉu ili povas helpi organizi tian seminarion, mi surpriziĝis sciante, ke nuntempe nia ligo ne havas sekciestron. Tial mi mesaĝis al la prezidantino de ILEI, s-ino Mereille Grosjean, kiu konfirmis la vakan lokon kaj ekinteresiĝis partopreni, per skajpo la okazontan seminarion. Samtempe mi preparis enketilon (google docs) por iom esplori la nunan staton de nia instruistaro. Plenigis la enketilon ĝis nun 11 homoj. El ili nur 3 estas profesiaj instruistoj kaj du junuloj deziras iam instrui la lingvon. La ceteraj instruas aŭ jam instruis Esperanton. Samideanoj demandis kial mi ne min proponas fariĝi ILEI-sekciestro, kion mi, post legado de la statutoj kaj aliaj ILEI-dokumentoj, akceptis kaj petis la apogon de kelkaj geamikoj, precipe geisntruistoj en Brazilo. La petilo anonci al ILEI reprezentanton, kiu enhavis liston de 20 apogantaj homoj kaj du asocioj (Alagoana kaj Pernambukana Asocioj de Esperanto) iris al ILEI antaŭ la 50-a kongreso en Busano, kiu akceptis mian nomon por estri la brazilan sekcion ekde la venonta jaro.

La unuaj taskoj farendaj kaj farindaj por restarigi la brazilan sekcion estas:

1) kontakti nian E-instuistaron, kunlabore kun la Instrua Komitato de BEL kaj la komitatano pri edukaj aferoj de BEJO; 2) Arigi la E-instruistojn/antojn/ontojn brazilajn;
3) Fari enketon pri iliaj agadoj (instruado, diskonigado en lernejoj, k.m.a), kaj raporti pri tio al ILEI;
4) Allogi ilin fariĝi ILEI-anoj kaj aboni /abonigi la gazetojn IPR kaj Juna Amiko, nemalhaveblajn lerniloj por geinstruistoj kaj gelernantoj, kaj tiamaniere iom subteni la Ligon;
5) Okazigi ĉiujare seminarion por geinstruistoj/antoj kaj ekzamenojn je ĉiuj niveloj kunlabore kun BEL, BEJO kaj ŝtataj asocioj dum la brazilaj kongresoj kaj kadre de aliaj gravaj E-aranĝoj;
6) Instigi, ke niaj kursgvidantoj anoncu okazantajn kursojn ĉe Edukado.net kaj uzu la servojn de tiu porinstruista instanco, kaj krome partoprenu la instruistan trejnadon RITE;
7) Prepari paĝon ĉe Facebook kaj grupon ĉe Vatsapo por anonci la novaĵojn rilate al E-instruado (jam survojas) kaj uzi ĉiujn sociajn retojn por diskonigi nian agadon;
8) Daŭrigi la okazigon de la KER-sesioj en Maceió kaj instigi aliajn E-instruistojn kandidatiĝi por okazigi KER-ekzamenojn en siaj urboj;
9) Prepari disvastigilon portugallingve pri Esperanto kaj ILEI aŭ uzi la jam

ekzistantan por sendi al lernejoj, universitatoj kaj aliaj edukaj instancoj brazilaj;

10) Partopreni kaj partoprenigi nian instruistaron en la projektoj de ILEI kaj Edukado;

11) Kunlabori kun nemovadaj asocioj, instancoj, sindikatoj, kiuj havas rilatojn kun kulturo kaj edukado;

12) Starigi konkurson por allogi gejunulojn verki pri niaj pioniroj, ĉefe pri la brazilaj geinstruistoj.

Mi forte esperas, ke mi povos iel helpi la movadon kaj ke la estontaj ILEI-sekciestroj havos pli da kondiĉoj kaj sukcesoj. Koran dankon al ĉiuj geamikoj, kiuj apogas min kaj al kiuj mi petas sugestojn, proponojn kaj ĉiajn helpojn por niaj brazilaj geinstruistoj/antoj/ontoj. Akceptu miajn elkorajn salutojn!

Miaj kontaktoj:
Aristophio Andrade Alves Filho
*UEA delegito (Kemio kaj Cseh-metodo), ano ankaŭ de AAE, BEL, BEJO kaj ILEI*

(82) 99986-5126 (Tim kaj Vatsappo)
esperantomaceio@yahoo.com.br
esperantomaceio@gmail.com
esperantomaceio@hotmail.com
Facebook/esperantomaceio
Twitter/@esperantomaceio
Google plus/esperantomaceio
Linkedin/esperantomaceio
Skajpo/esperantomaceio_1/
kaj esperantomaceio2011

ILEI-Brazilo:
facebook.com/ILEI-Brazilo-225388917997983

Enketilo:
https://goo.gl/forms/IxgzKCEs0KKImx813



# La Trivoja Metodo

## Lerni kiel lerni, lerni kiel pensi

Osmar Alves (São Paulo/SP)


En malnovaj tempoj, la artoj estis dividitaj en tri ĉefajn grupojn: la mekanikaj aŭ industriaj artoj (ankaŭ nomataj komercaj), kiuj traktadis pri aspektoj ne nur fizikaj aŭ manaj; la fajnaj artoj, kiuj koncernis guston, imagpovon kaj plian mensaktivaĵon por krei belartaĵojn; kaj la liberaj artoj, kiuj estis konsiderataj kiel la plej alta formo de arto, ĉar ili estis la studobjektoj taŭgaj por la klerigado de liberaj homoj. La sep liberaj artoj estis:


*Fratino Miriam Joseph (1898 -1982)*

**Gramatiko:** ĝi instruas la funkciadon de lingvo, same kiel pri ĝiaj mekanismoj. La lernanto lernas priskribi aferojn perceptatajn per la kvin sentumoj;

**Logiko:** ĝi estas la studo pri kiel la lernantoj devas pensi kaj analizi, cele al identigo de falsaj asertoj kaj argumentoj, kaj produkti scion bazitan sur faktoj, tiel ke ili do fariĝu fidindaj;

**Retoriko:** ĝi estas la maniero kiel lingvo estas aplikata por instrui kaj konvinki aŭskultanton, leganton aŭ novan lernanton, kaj per kiu la scio akirita per Gramatiko kaj Logiko povas esti kontrolata, tiel ke ĝi estu fine esprimata kiel saĝo;

**Aritmetiko:** per ĝi la lernantoj lernas pri kvantoj, komparo de nombroj kaj bazaj aritmetikaj operacioj. Ĝia ĉefobjekto estas la nombro;

**Geometrio:** per ĝi la lernantoj lernas la arton de la grandeco en ripozo kaj pri la bazaj formoj. Ĝia ĉefobjekto estas la nombro en spaco;

**Muziko:** per ĝi, la lernantoj lernas pri harmonio kaj la korelativecon de kvantoj kaj ties movo laŭ tempo. Ĝia ĉefobjekto estas la nombro en tempo;

**Astronomio:** per ĝi, la lernantoj studas grandecon en movo, lernante pri la universo kaj kiel ĝi influas niajn vivojn ĝenerale. Ĝia ĉefobjekto estas la nombro en spaco kaj tempo.

En mezepoko, tiuj sep liberaj artoj estis instruataj per divido en du grupojn: La unua, nomata Trivojo[1], estis la plej malalta divido kaj traktis pri la unuaj tri artoj: Gramatiko, Logiko kaj Retoriko.

Tiu triobla fako estis la fundamento por la plej alta divido, Kvarvojo[2], kiu traktis pri Aritmetiko, Geometrio, Muziko kaj Astronomio.

Fratino Miriam Joseph, kiu verkis libron pri Trivojo, tiel klarigas ĝian interrilaton:

"Gramatiko estas la arto elpensi simbolojn kaj kombini ilin por esprimi la penson; logiko estas la arto pensi; kaj retoriko estas la arto komuniki penson de unu menso al alia, la adaptado de lingvo al la cirkonstanco."

En ĉiu el tiuj triopoj, la pozicioj rilatiĝas al la sama aspekto de la Triunuo, tiel ke oni povas observi la Trivojon kiel sinsekvon de tiuj tri etapoj, ĉiu el ili kun siaj vortsimboloj reprezentantaj tion, kio okazas.

La unua triopo konsistas el Gramatiko, Logiko kaj Retoriko. Ilin reprezentas Scio, Kompreno kaj Saĝo, aŭ respektive Enigo, Procezado kaj Eligo, kaj ankaŭ Ontologio (aŭ Metafiziko), Epistemologio kaj Etiko, interalie.

Tiuj tri studobjektoj formas primaran arbon, per kiu oni lernas ilin unu kun la alia, kaj tio helpas la gelernantojn krei pensosistemon klaran kaj koheran.

Sammaniere, ili helpas respondi ordinarajn homajn demandojn. Gramatiko temas pri "kiu", "kio", "kie" kaj "kiam", ĉar la lernanto estas allogata de la **beleco** de la scioj, kiujn li akiras, kaj malfermas sian menson por ilia ricevado. Logiko respondas esencan homan demandon: "kial". Tiel la lernanto kapablas konstrui rilatojn inter la aferoj lernitaj, konektante tion, kio havas sencon, forigante nekoheraĵojn, kaj eĉ rimarkante tion, kion oni devas taksi pli poste, se necese. Oni povas diri, ke dum tiu ekzercado lia menso klariĝas, pro serĉado de la **vera** scio. Laste Retoriko traktas pri "kiel". Per gi, la lernanto serĉas la rimedon disvastigi informon klare kaj elokvente, kaj en maniero per kiu la homoj facile lin komprenos. Li intensigas tion per sia komunikokapableco, post la tuta informo dispon-


*Aritimetiko*


*Muziko*


*Geometrio*


*Astronomio*


*Gramatiko*


*Logiko*


*Retoriko*

ebla estos **bone** akirita danke al la Gramatiko kaj tute analizita danke al la Logiko.

Resume, unue Gramatiko **stimulas** la serĉadon kaj procezadon de la scio, Logiko helpas nin filtri la kontraŭdirojn, por ke ni akiru pli da kompreno, kaj kiel **respondon** ni pli saĝe komprenos la mondon pere de Retoriko. Fine okazas **reago** kaj tiu vojo rekomenciĝas, La produkto de la adekvata penso estas la objektiva vero, kiun ĉiu povas kontroli per sia penso mem.

La kvalito de la informoj, kiujn ni serĉas – metafiziko – kaj la kvalito de nia penso – epistemologio – gvidos nin al nia morala kvalito cele al vivo pli altigita kaj vera – etiko – kiun ni povas krei.

Post  lerno de la Trivoja Metodo, oni lernas kiel lerni kaj kiel pensi, ne pri aferoj maldensaj aŭ malgravaj. La normojn por difino de la terminoj por starigi komunan terenon de la scio oni povas sekvi pro la kapabloj de kritika penso por korekti penserarojn, kiel sofismojn kaj antaŭjuĝojn. Tio klariĝas pro la fakto, ke la komunikado komprenigas nin pri io. Por kompreni tion pli bone, ni difinas la terminaron, kiun ni uzas; sekve ni komprenas pli bone la problemojn kaj oportunojn por fine labori sur ilia solvo aŭ esplorado, anstataŭ simple akcepti aŭ malakcepti aŭtomate ideojn surbaze de antaŭjugoj kaj fiksitaj konceptoj.

Kiel dirite de la fratino Miriam Joseph:

“Gramatiko koncernas la aferon, kiel ĝi estas simboligata. Logiko koncernas la aferon, kiel ĝi estas konata. Retoriko koncernas la aferon, kiel ĝi estas komunikata.”

Kaj en alia analogio, ŝi diras:

“Laŭ la vera libera edukado... la esenca aktivaĵo de la lernanto estas rilatigi la lernitaĵojn en tuton unuiĝintan, organikan, por asimili ilin samkiel... la rozo asimilas nutraĵon el la grundo kaj kreskas en mezuro, vivoforto kaj beleco.”

Konklude, ni vidas, ke la Trivoja Metodo estas fakte Unuo. Per Gramatiko, oni komunikiĝas kaj komprenas la tekstojn por bone kompreni la homan spiriton; per Retoriko, oni lernas kiel esprimi nin kaj aplikas la komprenon pri la homa spirito lernitan en Gramatiko, disvolvante virtojn kaj agnoskon de la valoro de la moralo; per Logiko, oni lernas difini konceptojn, bone rezoni, klare kaj rigore elmontri nian rezonadon serĉante la veron per rigardo de sama afero laŭ diversaj perspektivoj.

Do oni rimarkas, ke Gramatiko koncernas la poeton kaj la verkiston; Retoriko koncernas la gvidanton kaj la politikiston; Logiko koncernas la klerulon, la filozofon kaj la scienculon. Studi Trivojon estas disvolviĝi en la Arto de la Vorto, ĉar la vorto estas la spegulo de la homa spirito kaj per ĝi ni komprenas ĉion kaj nin mem. Pro ĉio tio, tiu kruciĝo je tri vojoj estas la **pordo por la scio**, la vera manlibro de la menso, la fundamento por entrepreni vojaĝon en la vastajn kampojn de la homa scio kaj fariĝi pli proksimaj al Dio.

1. *El la latina vorto Trivium, “kruciĝo je tri vojoj”;*
2. *El la latina vorto Quadrivium, “kruciĝo je kvar vojoj”.*

_______. The Trivium: The Liberal Arts of Grammar, Logic and Rhetoric.

# Pri niaj EASP-servoj

*Kulturkunsidoj, biblioteko, butiko, babilado...*

**Paŭlo S. Viana (Lorena-SP)**

Ofte oni diras, ke virtuala agado en interreto superas la agadon de fizikaj Esperantoinstitucioj. Ĉar EASP estas unu tia institucio, kiu obstinas plu vivi por ĉeesta kunestado kaj interbabilado de homoj en amika etoso, tial indas iom argumenti favore al nia obstinado. Ĉi tiu argumentado siavice tute ne celas malplii la valoron de interreta agado por kaj per Esperanto – estus naive nei ĝian valoron kaj belan kontribuon al la moderna mondo.



Tamen, ni ankoraŭ opinias, ke persona konversacio en fizika etoso estas nemalhavebla. Pro tio, dum la lastaj jaroj, la estraro de EASP klopodas plu vivigi kaj plibonigi la kulturkunsidojn en la lasta sabato de ĉiu monato. Ili okazadas, kaj verŝajne kun kontentigaj rezultoj. Ĉeestantoj ofte laŭdas ilin, kiel oportunajn okazojn por stimula, kleriga aŭskultado de prelegoj, spektado (kaj diskutado) de filmetoj kaj interŝanĝado de spertoj. Oni interparolis pri plej diversaj temoj: vizitindaj lokoj en Brazilo, Esperanto-ekskursoj internaciaj, brazilaj kulturaj fenomenoj en grandaj urboj, hobioj, k.s. Bedaŭrinde ni ankoraŭ ne sukcesis eldonigi kaj disponigi tiajn valorajn kontribuaĵojn por tiuj, kiuj ne povis ĉeesti (mankas fortoj kaj mono, kompreneble...). Kaj ne forgesu: ni bezonas novajn prelegantojn, kaj vi povas esti unu el ili!

Alia servo de EASP, kiun la membroj ne sufiĉe profitas estas ĝia biblioteko. Multaj ne scias, ke oni povas pruntepreni librojn, se oni tion registras en libro, en la sidejo. Sur la bretaro troviĝas vera trezoro de nia kulturo. Multaj volumoj estas raraĵoj, ĉu elĉerpitaj, ĉu malfacile troveblaj. Ekzemple: antaŭ kelkaj semajnoj, serĉante en ĝi, mi trovis verkon de la fama, ĵus forpasinta korifeo Marjorie Boulton. Je mia emocio kaj surprizo, la libro estas inke subskribita de la aŭtorino mem! Mi do invitas vin al agrabla sperto: provu de tempo al tempo pasigi kelkajn trankvilajn horojn en nia sidejo, prenu librojn el la biblioteko kaj riĉigu vian konon pri nia koninda kulturo!

Se via intenco estas aĉeti, la butiko de EASP proponas sufiĉe ampleksan sortimenton, por ĉiaj gustoj. Fariĝu konstanta kliento, jen nia invito.



# Morfologio

## La intima realaĵo de la vortoj

**Edson Roberto de Oliveira (São Paulo-SP)**



*Babela Turo - Nederlanda Skolo, 17-a jarcento*

Pri la strukturo de la vortoj, diras la kompendioj, zorgas la morfologio. Mi persone preferas diri, ke ĝi zorgas pri la animo de la vortoj.

Oni vidu ankaŭ kion diras pri la vorto la evangeliisto: En la komenco estis la Vorto, kaj la Vorto estis kun Dio, kaj la Vorto estis Dio. (Johano 1:1)

Tiel grava la vorto estas, ke ĝi akompanis Dion de la komenco de la kreado, estante ĝi mem Dio.

Ankoraŭ laŭ la evangeliisto, pere de la vorto ĉio estiĝis, do devus estiĝi ankaŭ la homara interkompreniĝo, sed bedaŭrinde ni ankoraŭ enloĝiĝas en la Turo de Babelo kaj estas akre trafitaj de la *confusio linguarum*, la konfuzo de la lingvoj.

Jam de longe multe da eminentuloj sin dediĉas al profunda studado de diversaspecaj lingvoj, penante malkovri primitivan lingvon, ankaŭ nomatan adama lingvo (lingvo de Adamo), aŭ eĉ krei universalan lingvon, klopodante solvi tiel gravan kaj persistan problemon.

Ramon Llull, hispana verkisto, poeto, filozofo kaj teologo, dum tridek jaroj kliniĝis super matematikaj, filozofiaj kaj religiaj principoj kaj fine, en 1305, konkludis *Ars magna* (La granda arto).



*Ramon Llull (1231-1315)*

Per kombina metodo, Ars magna ebligis kombini kaj rilatigi variajn konceptojn kaj sekve esprimi ideojn simplajn aŭ kompleksajn, kaj tiel fariĝis por tiel diri universala scienca lingvo.

Dante Alighieri, itala verkisto, poeto kaj pensisto, inter 1303 kaj 1305 skribis la eseon *De vulgari eloquentia* (Pri nacilingva elokvento). En ĝi, Dante profunde parolas pri la rilato inter gepatraj lingvoj kaj la latina lingvo. Kredante je la universala gramatiko, li ankaŭ parolis pri la serĉado de "eminenta gepatra lingvo".



*Dante Alighieri (1265-1321)*

Guillaume Postel, franca astronomo, lingvisto, humanisto kaj teozofo, en 1544 skribis *De orbis terrae concordia* (Pri la tutmonda harmonio).


*Guillaume Postel (1510-1581)*

Ĉi tiu verko estas fundamente religia, tamen Postel firme diras, ke la konscienco pri lingvaj problemoj estas esenca por naski mondan harmonion. Li postulas, ke estu komuneco de lingvo kaj asertas, ke la hebrea estis la sankta pralingvo inspirita de Dio al la unua homo.

Gottfried Wilhelm Leibniz, germana matematikisto, sciencisto, filologo kaj filozofo, en 1676 skribis Universalsprache, aŭ latin-lingve *Characteristica universalis* (Universala lingvo).


*Willhelm Leibniz (1646-1716)*

Rekte influita de la verkoj de Ramon Llull, Leibniz ellaboris sis-temon de signoj kaj piktogramoj, per kiuj li intencis krei sciencan, matematikan kaj metafizikan universalan lingvon, kvazaŭ “algebro de pensado”.

Mi povus citi ankoraŭ multe da aliaj, tamen tiuj kelkaj ekzemploj jam instigas demandojn. Kial tiel gravaj kleruloj ne kapablis proponi al ni efektive taŭgan universalan lingvon? Kiel do povis Zamenhof, ankoraŭ knabo, koncepti la kernon de Esperanto? Kiel povis Esperanto supervivi tiujn kaj aliajn lingvajn projektojn? Mi proponas respondon: la morfologio.

Zamenhof perceptis, ke, pere de la morfologio, li kapablus atingi ne la surfacon de la vortoj, sed ties intimecon.

Imagu, ekzemple, ke oni volas traduki la portugallingvan vorton “segundo” en Esperanton. Se ĝi estas numeralo, oni diru *dua*, se ĝi estas substantivo, *sekundo*; se ĝi estas prepozicio, *laŭ*.

Kiel oni povas rimarki, la vera signifo de la vorto “segundo” ne estas en la vorto mem, sed en ties kunteksta gramatika kategorio. Pro tio, se mankas morfologia analizo, la vortoj vagadas sencele.

Ĉu ankaŭ estas tiel en Esperanto? Nepre jes.

La perfekta aglutina morfologio de Esperanto estas, laŭ mia opinio, la plej grava diferenco inter ĝi kaj aliaj lingvaj projektoj. Zamenhof, pere de kelkaj afiksoj kaj kvin vokaloj, finfine sukcesis transiri grandegajn strukturajn barojn.

La adverbo hodiaŭ povas simple fariĝi la adjektivo hodiaŭa aŭ la substantivo hodiaŭo, tiel same kiel la prepozicio apud povas fariĝi la adverbo apude, la adjektivo apuda aŭ eĉ la verbo apudi.

Kvazaŭ origina interlingvistiko, la morfologio sendube permesas nin trairi la supraĵon de la vortoj kaj eniri en universalecan etoson. Zamenhof sciis tion, pro tio Esperanto baziĝas sur morfologia grundo, pro tio Esperanto estas vere universala lingvo.



# Recenzo:

*Lumo kaj Ombro (Vasilj Eroŝenko)*

**Paŭlo S. Viana (Lorena-SP)**




Eroŝenko (1890-1952) estas unika figuro en la historio de Esperanto. Li naskiĝis en Rusujo kaj blindiĝis (kaŭze de morbilo!), kiam li estis kvarjara. Tiu granda malfeliĉo ne malhelpis, ke li travivu aventuroplenan, plenan vivon, kiu certe povus fariĝi bela filmo. Li estis poligloto, poeto, muzikisto, instruisto, fabelisto, prelegantо, aktivulo por blindulaj rajtoj. Sed precipe li estis Esperantisto kaj vojaĝanto: li vizitis kaj vivis en pluraj landoj, inkluzive de Japanujo kaj Ĉinujo, kie li lasis fortajn spurojn. En Universala Kongreso de Esperanto oni premiis lin kiel bonegan parolanton de nia lingvo. Li originale verkis ankaŭ en la japana lingvo kaj amikiĝis al tieaj intelektuloj. Pro siaj ideoj por la rajtoj de laboristoj kaj ekspluatataj klasoj, li estis iam konsiderata danĝera persono.

Dum certa tempo, Eroŝenko restis iom forgesita de la Esperantistoj. Sed reaperis liaj verkoj en belaj eldonoj de orientaj institucioj. Ili meritas legadon.

Ĉi tiu ĉarma, 90-paĝa volumeto eldonita en 1979, fare de Japana Esperanta Librokooperativo, estas unu el ili. Kompilis Mine Yositaka.

Temas fakte pri kolekto de tekstoj sen forta interligo. Laŭ mia persona opinio, la plej kortuŝa estas la unua el ili: "Unu paĝeto en mia lerneja vivo", en kiu li raportas travivaĵojn de inteligentaj lernejanoj fronte al aŭtoritateca sinteno de perfortema, submet-ema instruinstitucio.

Sekvas poemoj, inkluzive de lia konata "Antaŭdiro de la ciganino". La fabeloj "Rakontoj de Velkinta Folio" kaj aliaj tekstoj estas speco de lirikaj poeziecaj prozaĵoj, en naiva etoso kaj forte romantika enhavo. Finas la volumon nelongaj eseetoj kun homama sinteno kaj pledo por la internancia lingvo, kiu enhavas ankoraŭ valorajn argumentojn por nia lingvo: "La Problemo de la Internacia rilato".

Lia literaturo estas poezieca kaj forte melankolia. Lia stilo, simpla kaj esprimriĉa. Estas vera plezuro legi tian tekston en flua kaj facila Esperanto, plena je homamo kaj fido pri la vivo. Indas koni tiun homon, kiu vivis kaj verkis kongrue kun sia alta maniero kompreni la mondon.

Ni ne forgesu lin.



# Filozofio

## Memhelpaj filozofiaj skoloj en la antikveco

**José Mauro Progiante (Bauru-SP)**

II – EPIKURISMO

EPIKURISMO estas fondita de Epikuro (ĉ.341 – ĉ. 270 a.K), greka filozofo de la helena periodo. Li sin prezentis kiel kuracisto de animoj kaj restis konata kiel la filozofo de la ĝardeno, ĉar li kunigis siajn disĉiplojn por studi kaj primediti la vivon en la ĝardeno de sia domo, en Ateno.

Epikuro konstruis sian filozofion surbaze de la doloro. Li multe suferis pro kronikaj malsanoj kaj sin dediĉis al efektiva aplikado de siaj teorioj, instruante manierojn venki la doloron kaj bone profiti la plezurigajn momentojn de la vivo. Li diris, ke la filozofio ekzistas ne nur por klarigi la aferojn, sed ankaŭ por helpi la homojn vivi pli bone.

La kerno de la filozofio de Epikuro estas la kontrasto kaj senĉesa alternado inter doloroj kaj plezuroj. Ne ekzistas senlima plezuro, tamen aliflanke neniu doloro estas eterna. Ne ĉiuj plezuroj estas bonaj kaj ne ĉiuj doloroj estas malbonaj.

Kvankam la plezuro, kiel principo de la bono, estas necesa por la feliĉo, oni ne devas elekti iun ajn plezuron. Estas evitendaj tiuj, kiuj povas estigi dolorojn, kiel troa drinkado kaj senfina akumulado de riĉaĵoj. La bonaj plezuroj estas tiuj, kiuj serenigas la animon, devenantaj de kontakto kun la naturo kaj regado de la propraj sensaĵoj kaj emocioj. Krome, laŭ la epikurisma doktrino, la foresto mem de doloro devas esti rigardata kiel plezuro. Estas plezuro kiam iu doloro estingiĝas kaj tial oni ne devas malami la doloron.

Ne estas eble eviti ĉiujn dolorojn, sed estas eble eviti ĝuste la plej malbonajn, originantajn el frustracioj, el deziroj ne plenumitaj. Kaj eblas ankaŭ malpliigi la nevitendajn dolorojn per rememorado de bonaj momentoj jam travivitaj.

Pro tio, ke la serĉado de la plezuro estas fundamento de epikurismo, multaj asocias ĝin kun hedonismo, tamen inter ili estas klara diferenco. La hedonismo instigas siajn adeptojn al tujaj kaj kiel eble plej intensaj plezuroj, eĉ seksaj, dum epikurismo konsilas malproksimiĝi de pasioj kaj malmoderaj plezuroj, kiuj fine okazigas suferojn. Unu el la aforismoj de Epikuro estis: “Neniu plezuro estas per si mem malbona, sed tio, kion kelkaj plezuroj naskas, okazigas suferojn multe pli grandajn ol la plezuroj mem.”

La koncepto de epikurismo pri la vivodaŭro estis simila al tiu de stoikismo. La vivo estas mallongdaŭra, oni ne malŝparu ĝin kun senutilaj ĉagrenoj. Ambaŭ skoloj instruis ankaŭ, ke ne estas motivo

*(Daŭrigota sekvapaĝe)*

por timi la morton. La diferenco, pri tiu punkto, estas en la premisoj: laŭ stoikismo, la morto estas nia neevitebla destino, antaŭdifinita de ia supera forto; laŭ epikurismo, la morto estas simple disiĝo de atomoj, ĉesigo de la konscio.

La latina devizo carpe diem iel resumas la rekomendojn de Epikuro al liaj disĉiploj. Por la saĝa homo la nuna momento estas la plej grava en lia vivo, li rigardas ĝin kvazaŭ lastan kaj unikan kaj eltiras maksimuman profiton el ĝi. Li ne difektas sian pasantan tagon sopirante pri io, kion li ne havas.

Alia interesa opinio de Epikuro estas pri libereco kaj sendependeco. Laŭ li, ĉiu homo devas lerni kiel sufiĉi al si mem kaj ne dependi de iu aŭ io alia por senti sin bonfarta. La vivo de tiuj, kiuj deziras havi ĉiam pli, estas plena de afliktiĝoj kaj suferoj. La forto venas ne de posedaĵoj, sed de memregado.

La plezuro plej alte taksata inter la epikuristoj estis la amikeco. Pro tio, kiel dirite, la disĉiploj de Epikuro kuniĝis komunume en lia ĝardeno por pripensi, ĝui la naturon kaj fajnigi siajn sensojn. Ili kredis, ke por esti feliĉa la homo bezonas tri aferojn: liberecon, amikecon kaj tempon por filozofi.

Malsame al la stoikistoj kaj al Platono, Epikuro ne kredis je Dio aŭ dioj. Malgraŭ tio, li rigardis la bonon kiel gravan regulon por la homa konduto, dirante, ke ĉiuj ni, dum nia vivo, devas elekti iun, kies virtoj ni admiras, por imiti kaj vivi kvazaŭ tiu persono nin observas la tutan tempon.



# RIDADO MIZERON FORIGAS



En internacia konferenco, usona prezidanto deklaris:

— En mia lando, ordinara laboristo perlaboras 3000 dolarojn en ĉiu monato. Li bezonas nur po 2000 dolaroj por sia bona vivo. Kion li faras per la ceteraj 1000 dolaroj, tio ne koncernas nin.

Alvenis la kanada prezidanto kaj deklaris:
— En mia lando, ordinara laboristo perlaboras 4000 dolarojn en ĉiu monato.
Li bezonas nur po 2000 dolaroj por sia bona vivo. Kion li faras per la ceteraj 2000 dolaroj, tio ne koncernas nin.

Alvenis la brazila prezidanto kaj deklaris:
— En Brazilo, ordinara laboristo perlaboras 1000 realojn en ĉiu monato. Li bezonas po 2000 realoj por bone vivi. Kiel li sukcesas havigi al si la ceterajn 1000 realojn, tio ne koncernas nin.

# La kurso pri Interlingvistiko en Poznano(1)

## Kia ĝi estas?

**Karina Oliveira (Biritiba Mirim - SP)**

Mi estas bonŝanca. Mi alvenis en la esperanta movado en 2011, kaj tuj komencis engaĝiĝi en kongresoj, lokaj aranĝoj, kaj aliaj aferoj. En 2013, BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo) sufiĉe multe kredis je mi por investi en mi monon kaj sendi min por partopreni instruistan trejnadon en Poznano (Pollando). Do, dum 2013-2014 mi partoprenis la trejnadon (mi vojaĝis al Pollando en septembro 2013, februaro kaj septembro 2014 por tiu celo), kaj en la periodo 2014-2017 BEJO daŭre kredis je mia kapablo kaj ebligis al mi partopreni la postdiploman kurson en la Universitato Adam Mickiewicz. Tiu kurso estas ja speciala afero por nia komunumo, kaj malgraŭ tio ke multaj personoj scias pri ĝia ekzisto, ne multaj scias detalojn pri ĝi, do, mi iom rakontos pri tio en tiu ĉi artikolo.

La nura postdiploma kurso en esperanto en la mondo estas tiu, kiu okazas en Poznano. Temas pri 3-jara studado, kaj dum tiuj 3 jaroj la gelernantoj devas iri al la urbo por ĉeesti intensan studsemajnon, kaj poste reveni hejmen kaj labori distance. La sesioj okazas ĉiam en februaro kaj en septembro, do, intertempe, estas hejma laboro. La enhavo de la kurso entenas plurajn flankojn, inter ili literaturon, lingvistikon, komunikadon, kulturon, gramatikon, ktp. Por partopreni la kurson, oni devas havi bonan scion de esperanto kaj havi iun ajn superagradan diplomon. Pliaj detaloj troveblas ĉe: *<http://www.staff.amu.edu.pl/~interl/interlingvistiko/studoj.html>*.

La kurso estas kontraŭpaga. Brazilanoj devas pagi po 700 zlotoj semestre ("zloto" estas la loka mono; tio estas ĉirkaŭ 700 realoj, ĉar nia mono kaj la mono de Pollando preskaŭ same valoras). Tamen, eblas ricevi stipendion de ESF (Esperantic Studies Foundation). Mi ricevis ĝin kaj, do, tiu organizaĵo subtenis la kostojn de la tuta kurso por mi (kaj por pluraj aliaj gestudentoj). Cetere, ĉiuj povas kontribui por la kaso de tiuj stipendioj, ĉar ESF duobligas la donacojn ricevitajn. Vi povas legi pli pri tio en *<http://edukado.net/novajhoj?id=705>*.

Por vojaĝi al Poznano, mi kutime iris per aviadilo de San-Paŭlo al Berlino, ŝanĝante aviadilon aŭ en Amsterdamo, aŭ en Frankfurto, aŭ en Romo, aŭ en Madrido... depende de la flugentrepreno. Poste, mi iris al Poznano per buso (kutime de la entrepreno Polskibus). Tiel, la vojaĝo estas multe pli malmultekosta ol vojaĝi rekte al Poznano.

En la urbo estas hotelo administrata de la universitato mem, kaj kie studentoj loĝas dum la studjaro kaj gastoj de kongresoj kaj aliaj eventoj kutime gastas. Ĝia nomo estas Jowita, kaj la esperanta

etoso dum la matenmanĝo en tiu hotelo dum la studsemajno estas nekredeble bona! Dum la paŭzoj por la tagmanĝo kaj por la vespermanĝo post la studtago, estas pluraj restoracioj proksime al la universitato, precipe en la butikum-centro Stary Browar. Do, rilate al manĝado, estas sufice facile orientiĝi en la urbo.

La grupo, kiun mi partoprenis (2014-2017) komenciĝis kun 26 gelernantoj el 14 landoj (7 el Brazilo, po 3 el Hispanio kaj Pollando, po 2 el Slovakio kaj Svedio, po 1 el Rusio, Kroatio, Irano, Ĉeĥio, Hungario, Nederlando, Belgio, Francio kaj Britio – oficiala informo el la retejo). Tio ege riĉigis la lecionojn, ĉar estis pluraj denaskaj lingvoj kaj kulturaj fonoj.

Praktike, la semajno sekvas tiel: la unuan sabaton okazas konsultiĝo, de 14h30 ĝis 18h/19h;

dimanĉon estas ekzamenoj; lundon kaj mardon la gelernantoj sekvas lecionojn de 9h ĝis 18h; merkredon: denove estas ekzamenoj, kaj, krome, estas komuna vespero, kiam la gelern-antoj, geinstruistoj kaj aliaj lokaj esper-antistoj vespermanĝas kune kaj ĉeestas prelegojn kaj artajn prezentojn; ĵaŭdon kaj vendredon denove okazas lecionoj de 9h ĝis 18h; dum la lasta sabato estas ekskurso (en februaro) kaj en septembro estas ARKONES (ARtaj KONfrontoj en ESperanto2, de vendredo ĝis dimanĉo). La lernobjektoj estas variaj, kaj por ĉiuj el ili oni devas skribi eseon (minimume 3-paĝan). Por ke vi

povu iom orientiĝi pri kiaj estas la eseoj, mi enmetas la titolojn de kelkaj, kiujn mi mem skribis tuj post la nomo de la lernobjekto. Dum la unua jaro (sep. 2014 – sep. 2015), ili estis: Interlingv-istiko ("Kriol: la kreolo parolata en Gvineo-Bisaŭa"), Esperanta kulturo, Esperanta literaturo 1 ("Komparo inter fragmentoj de la libroj Marta kaj A hora da estrela (La horo de la stelo)”), Fonetiko kaj fonologio ("Vokala epentezo en esperanto parolata por brazilanoj"), Esperanta literaturo 2 ("Verkistinoj kaj tradukistinoj de la dua periodo"), Morfologio kaj sintakso (ĝenerala), E-a gramatiko 1 ("Ĉu esperantaj interjekcioj reale vivas?") kaj Komunikado ("Rolo de TV en nia vivo: la brazila realeco"). En la dua jaro (sep. 2015 – sep. 2016) estis Interlingv-istiko 2 ("Language Creation Society: panoramo"), Esperanta literaturo 3, Semantiko kaj leksikologio ("Homo-nimoj kaj sinonimoj en la portugala"), Esperanta gramatiko 2, Historio de esperanto-movado, Esperanta gramatiko 3, Pragmalingvistiko kaj Aplikata lingv-istiko. La tria jaro (sep. 2016 – sep. 2017) celas specialiĝon, kaj eblas tion fari pri komunikado, lingvistiko, literaturo, tradukado, planlingvistiko aŭ pri lingvo-pedagogio. Mi profitis la instruistan trejnadon faritan en 2013-2014 kaj tio estis mia specialiĝo. Kompreneble, mi devis skribi novan finan laboraĵon, ĉar la postuloj por la 3-jara studado estas pli grandaj. Krom la hejmaj eseoj, kiujn oni devas verki, estas ankaŭ ĉeestaj ekzame-noj. Kutime ili okazas en malgrandaj grupoj, sed tio dependas de la instruisto. La ekzamenoj povas esti kaj buŝaj kaj skribaj, kaj oni elektas temon por

priparoli (el listo antaŭe ricevita kun la eblaj temoj).

Fine, estas grava informo pri la Poznana fonduso por BEJO-anoj. Danke al la donacoj de esperantistoj, miaj vojaĝoj estis eblaj, kaj la fonduso daŭre bezonas helpon. Ni konsideru ke estas grava afero trejnigi la gejunulojn ankaŭ, do, kontribuu al tio se vi povas! Eblas donaci jene: 1) PerBEL@Butiko (ĝis R$100,00) <belabutiko.esperanto.org.br/abonservo/index.php/adesao/adeso-renovac-o-bel.html>; 2) iom ajn kvanto per la UEA-konto de BEL (al beli-r), (skribi al *financoj@co.uea.org*, kopiante la mesaĝon al *bejoesperanto@gmail.com* kaj *financoj@esperanto.org.br* ) kaj 3) iom ajn kvanto per la bankkonto de la Brazila Esperanto-Ligo (sendu la konfirmilon al *bejoesperanto@gmail.com* kaj *financoj@esperanto.org.br*)

Se vi interesiĝas pri la kurso, ankoraŭ eblas aliĝi al la nuna grupo! Oni rajtas ne ĉeesti unufojon, do, eĉ se vi ne iris en la unua sesio kiu okazis en septembro 2017, vi povas ankoraŭ aliĝi kaj sekvi la studojn dum 2017(2018)-2020. Mi pretas respondi iun ajn demandon, kaj helpi kiel eblos.

Vizitu <http://www.arkones.org/eo>.

*1 Teksto skribita surbaze de publika prezento farita dum la 11-a Esperanto-Kongreso de la Ŝtato San-Paŭlo, okazinta de la 12-a ĝis la 15-a de oktobro 2017, en la urbo San-Paŭlo.*

## Februaro estos tempo por elekti novan estraron por EASP

Preparu vian nomaron kaj prezentu ĝin, kune kun via laborplano, plej malfrue ĝis la 15-a de januaro 2018!



**Pliajn informojn ĉi tie**
*easp.org.br/kuriero/n-ro/217.html*

**Pri duboj skribu al**
*contato@easp.org.br*

# Ĝenerala Asembleo

# Proksimaj esperantistaj eventoj

La Esperantista kalendaro estas pli kaj pli okupita. Celebrinde, ĉu?

Paralele al la virtuala agado, proponiĝas en la fizika mondo amaso da renkontoj, kie eblas manpremi, ĉirkaŭbraki, kunridi, promeni, koridore demandi, ŝerci, intimece konversi. Unuvorte, persone ĝui amikecon, kleriĝon kaj amuziĝon. Indas apogi la realmondan movadon! Persona, ĉeesta kunvivado estas neanstataŭigebla!

9-A TUTAMERIKA KONGRESO DE ESPERANTO




Jen bela okazo por viziti la ĉarman ĉefurbon de Kubo kaj amikiĝi kun homoj el la tuta Ameriko. Aparte la kuba popola estas afabla kaj gastama. Nia amerika movado bezonas spronon! Brazilo nepre devas sendi entuziasman karavanon. Arnaldo Rebelato, el Brasília, organizas karavanon je tre favoraj prezoj. Kontaktu lin!

**BEL-KONFERENCOJ 2018**

En la Sankta Semajno, la 30-31-an de aprilo, do vendrede kaj sabate, okazos en Juiz de Fora/MG la jam tradiciaj kaj klerigaj BEL-Konferencoj. Temas pri serio da altnivelaj prelegoj sekvataj de diskuto kun la publiko, pri plej variaj temoj. La organizantoj disponigos kajeron kun resumoj de ĉiuj prelegoj. Detalajn informojn petu rekte de la ĉefa organizanto: *mnazare.laroca@gmail.com* . La eventon aŭspicias AERJ — Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro, kunlabore kun Brazila Esperanto-Ligo.

**SIMPOZIO PRI ESPERANTO-INSTRUADO / RENKONTO EN LA PARAIBA-VALO**

La unuan fojon kunorganizas gravan eventon Esperanto-Asocio de San-Paŭlo kaj Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro. Je la 21-a kaj 22-a de aprilo 2018, interesitoj havos okazon aŭskulti fakulojn pri instruado kaj diskuti kun ili pri siaj propraj spertoj. Ankaŭ tiuj, kiuj ne estas kursgvidantoj multe profitos dum la evento. Ĝi okazos en Lorena/SP, kiu situas mezvoje inter la du grandaj ĉefurboj. Petu detalajn informojn de la koncernaj ŝtataj asocioj kaj de *psviana@terra.com.br* .

# 20-a Trejnado por kursgvidantoj de Esperanto





## Instruado de Esperanto por infanoj kaj gejunuloj sen la kaĝo de gramatiko

21 - 22 aprilo 2018

**Kulturdomo de Lorena**

Rua Viscondessa de Castro Lima, 10 - Centro

*Kunorganizado:*







*Subteno:*



# BEL-Konferencoj 2018



En la 30-a kaj 31-a de Marto

Museu do Crédito Real

Av. Getúlio Vargas, 455 - Centro

Juiz de Fora - MG